# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 14/09/2017 Tricent-tridek-naŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


---

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

---

**Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,010,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **204,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,215,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

---

# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. Ĥ.

Antaŭe ni rimarkis, ke en ĉiuj kazoj, en ĉiuj "voĉoj", la samaj vortoj de la origina bildo restas en la lingva priskribo, sed kelkaj vortoj ricevas finaĵon aŭ afikson por montri en kiu direkto oni rigardas la bildon, alivorte en kiu Voĉo aperas la frazo. Jen ili refoje:

1). En **la Aktiva Voĉo** la verbo ne ricevas sufikson, la viro ne ricevas finaĵojn –n, kaj la hundo ricevas la finaĵon –n. "La viro batis la hundon".

2). En la **Pasiva Voĉo** la hundo fariĝas la Subjekto kaj do perdas la finaĵon –n. La verbo ricevas la sufikson –at- kaj la viro ricevas la prepozicion "de".

"La hundo batatis de la viro."

3). En la **Mediala Voĉo** la vortoj "la viro" forfalas, la verbo ricevas la sufikson –iĝ-, kaj la hundo fariĝas la Subjekto. "La hundo batiĝis (de malbonŝanco eble)".

4). En la **Faktitiva Voĉo** aldoniĝas la parolanto "mi", la viro fariĝas la Objekto, la hundo restas la origina Objekto kun finaĵo –n, kaj la verbo ricevas la sufikson –ig-.

"Mi batigis la viron la hundon."

(kutime oni ellasas unu el la Objektoj, do tiel: "Mi batigis la viron" kaj "Mi batatigis la hundon".

(daŭigota) *Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (7a ero)

Mi iris hejmen la saman vojon, laŭ kiu mi venis. Nun la biciklovojeto estis sur la maldekstra flanko de la vojo, kaj mi do biciklis tie. Ne plu mi revidis miajn grandegajn amikojn. En Bremeno, Germanujo, mi loĝis ĉe unu el miaj germanaj amikoj. Rigardinte la bremenajn urbomuzikantojn, ili staris ekster la urbodomo kaj enrigardis, mi renkontis grupon de nederlandaj geesperantistoj. Ili aŭtobuse survojis al Kopenhago. Mi avertis ilin, ke ni verŝajne rerenkontiĝos en Kopenhago. Kaj efektive, en Kopenhago atendis min la membrogazeto de Kopenhaga Esperanto-Klubo. En ĝi mi legis, ke estas en la urbo nederlandaj esperantistoj, kaj ke ili hodiaŭ vespere estos en la fame konata amuzejo, Tivoli.

Tiun vesperon mi iris al Tivoli. Mi trovis la esperantistojn, kiuj ankoraŭ memoris min. Inter ili estis ankaŭ iu junulo, kiun mi ne konis. Li kuniris kun mi tra la tuta Tivoli, ĉar, kiel li diris, li volas paroli kun eksterlandano. Li pagis la glaciaĵojn ktp. ĝis subite li aŭdis ke mi parolas dane kun iu vendisto. "Kio en la mondo estas tio ?" li demandis, "ĉu vi estas dano ? Mi kredis, ke vi estas nederlandano". "Kaj mi kredis, ke *vi* estas nederlandano", diris mi. Tamen ni ne malamikiĝis, sed ĝuis la vesperon kune kun la aliaj "nederlandanoj".

Tamen, tiun saman vesperon mi devis iri labori en la kablofabriko. Mi laboris per grandega maŝino, kiu fakte devus esti en iu muzeo, ĉar ĝi ne estis la plej moderna en la mondo. Mi devis surmeti sur ĝin multajn bobenojn pezajn. Se mi ne bone faris tion, mi riskis, ke ili elfalos, kiam la maŝino rondiros, kaj unu aŭ pluraj el la bobenoj povus flugante mortigi tiun, kies kapon ĝi trafos. Ofte, tro ofte okazis, ke la drato rompiĝis. Tiam la maŝino aŭtomate haltis, kaj mi devis kunluti la du finojn de la drato.

Dum la noktoj estis neniuj estroj en la fabriko. Oni fidis nin, aŭ almenaŭ preferis resti hejme en siaj litoj. Subite sufiĉis al mi la malbona konduto de la maŝino, mi haltigis ĝin, kaj forlasis la fabrikon. La pordisto demandis min, kion mi faras tiom for de la maŝino. Mi respondis, ke mi ne plu laboras en la fabriko, kaj ke mi volas, ke li malŝlosu la pordon, ĉar mi iros hejmen. Li diris, ke mi ne povas foriri en la mezo de la nokto. Mi respondis ion al li, kaj li komencis patrece demandi min, ĉu mi jam finis mian militservon ktp. Mi diris ke ankoraŭ ne, ĉar oni ankoraŭ ne skribis al mi, kaj mi rakontis al li mian opinion pri militoj kaj perforto.

*Daŭrigota* *Bob Felby*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17an de Septembro estos la tria sabato. Venu. Lernantoj, vizitantoj ĉiam estas bonvenaj.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



# El Adelajdo




Helen prelegas

La kluba kunveno de adelajdanoj okazis vendrede, la 6-an de Septembro. Helen Palmer renovigas sian kuirejon kaj konsciis, kiom da fakaj kuirejaj vortoj mankas al ŝi. Evidentiĝis, ke ankaŭ al ni aliaj. Ni rigardis fotojn pri la kuireja meblaro, pripalpis kelkajn ilojn sen vidi ilin, desegnis - kaj klopodis priskribi, nomi kion ni havas. Necesis PIV, vortaro, retvortaroj - sed fine ni ja lernis kelkajn utilajn vortojn.

Amike,

Katja Steele



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 10an de Septembro ok homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni renkontis novan Esperantiston kiu lernis kun kelkaj amikoj per Duolingo. Ni babilis kaj ludis la kartludon "Diru ne Diru". Ni ankaŭ ludis per "Rubik's Cube".

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Ni ne kunvenos lunde je 25/9, 2/10 kaj 9/10.

Dimanĉon 17an de Septembro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 18an de Septembro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Vendredon 29an je 06:30 - Sabaton 30a de Septembro

Ekskurso al Warrnambool, ni renkontiĝos ĉe Southern Cross staciodomo kaj iros trajne al Warrnambool. Ni tranoktos en hotelo kaj revenos je Sabato. Se vi ŝatus veni vi devas mem organizi vian trajnbileton kaj loĝadon - plenaj detaloj haveblas ĉe meetup.

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 903 Instagram – 96

Facebook – 302 Telegram – 17

Twitter – 308

*Joanne Johns*



# Unu el la geniaĵoj de Zamenhof.

La genieco de Zamenhof montriĝas tra la tuta Esperanto. Unu tia geniaĵo estas, ke li klare diferencigis inter la vortkategorioj: la verbo, la substantivo, la adjektivo, la adverbo, kaj la aliaj. En iuj lingvoj oni ne faras tion, kaj en la eŭropaj lingvoj oni ŝatis, dum la historio, ŝanĝi ilin kelkfoje.

Ĉisemajne ni rigardu unu el tiaj geniaĵoj de Zamenhof, nome la klaran distingon inter verbaj participoj kaj adjektivaj participoj kaj inter verba infinitivo kaj verba substantivo.

Dum en ekz. la angla lingvo oni uzas infinitivojn malpli ol en Esperanto kaj en etnaj lingvoj, ĉar ĝi havas specialan substantivon, la gerundion, por indiki kion en aliaj lingvoj indikas la infinitivo, tiu gerundio povas funkcii kiel substantivo unuflanke kaj verbo aliflanke. Ekz. komparu la verban substantivon en "*We are awaiting the coming of the summer*" kun la adjektiva participo "*We are awaiting the coming summer*" kaj kun la verba participo (infinitivo en Esperanto) *"I prefer coming again next year*", same kiel en Esperanto "Ni atendas la ven(ad)on de la somero" kaj "Ni atendas la venantan someron" kaj "Mi preferas refoje veni proksiman jaron". La Esperanta participsistemo estas pli logika, en kiu "*coming*" en la unua frazo estas substantivo, en la dua frazo verba adjektivo kaj en la tria frazo infinitivo, ĉar la participoj estas ĉiam adjektivoj, ne verboj, finiĝantaj en la finaĵo "-a", escepte en la, pro la Regulo pri Signiforedukto, speciala pasivparticipa verbo "-ati", kiel en "laŭdati".

Ankaŭ laŭ la plej fama Esperanto-lingvisto Kalocsay, tiu sistemo de adjektivaj participoj kreita de Zamenhof estas perfekta por esprimi la staton de substantivo rilate al ago, sed li forgesis krei, aŭ li miskreis, propran pasivan voĉon verban. Sed bonŝance antaŭ tridek jaroj mi inventis la nun uzeblan kaj uzatan unuvortan verban pasivan voĉon, per la speciale por tio aplikata redukto al nur pasiveco sen tempo, ante la antaŭe neuzatan verban sufikson "-ati". Rezulte de tio kaj de la de Zamenhof aplikata Regulo pri Signiforedukto la Esperanta verbsistemo estas nun perfekta, kaj geniaĵo de Zamenhof. Tiu lia genieco konsistas en lia, parte intuicia, decido lasi nin liberaj krei pli bonajn lingvajn kutimojn ol liajn kaj aliies, sen nuligi la Fundament'ecajn Regulojn.

La rezulto de la uzado de la nova unuvorta pasiva voĉo estas, ke oni nun ne plu faras la multajn gramatikajn erarojn kreitajn pro malĝusta uzo de la pasivaj participoj adjektivaj por esprimi la pasivan voĉon. Ni do nun uzas malpli da tiaj participoj. Tio plisimpligas la stilon de Esperanto, ĉar speciale la angloparolantoj uzas multe tro da nenecesaj participoj imperfektaj (-*ing*), pasinttempaj (-*ed*), kaj pasivaj (-*ed*).
*Marcel Leereveld.*

P.S. Sendube pro la klimatŝanĝiĝo pri kiu ne kredas kelkaj inteligentaj homoj, nek pri ĉefliteroj por tagoj kaj monatoj nek pri ronda tero, en Melburno la tuta pasinta vintro havis printempajn klimaton kaj temperaturojn, dum tuj kiam komenciĝis la printempo ni suferadas pro daŭraj vintraj klimato kaj temperaturoj. Eble mia bona dio faras tion por puni nin ĉar ne sufiĉe da melburnanoj kredas je la logika klimatŝanĝiĝo kaj je la logikaj ĉefliteroj. Ĉu en Melburno ni havos aŭtunan veteron dum la somero kaj someran veteron dum la aŭtuno?
*M. L.*



# 10-a de Septembro Internacia Tago pri Prevento kontraŭ Memmortigo

En la Monda Tago pri Prevento kontraŭ Memmortigo (la 10-an de septembro), Monda Organizo pri Sano (MOS) atentigas pri la konsciigo-neceso rilate al tiu grava problemo de publika sanigado, kies takso estas tiu je unu morto ĉiun 40 sekundoj en la mondo.



Ni estu realismaj: kiu estas la plej bona maniero antaŭgardi tiun agon, kiu falĉas tiom da vivoj en la mondo? Jes, la plej bona estas paroli pri memmortigo.

Se ankaŭ vi deziras kontribui por la disvastigo de tiu internacia tago, vidu la artikolon de la verkisto Paiva Netto **"Favore al la vivo, kontraŭ memmortigo"**. Do se la teksto plaĉos al vi, ni kalkulas je via valora kunlaboro: b.v. helpu nin diskonigi ĝin per ĉiaj rimedoj disponeblaj. Kaj ne forgesu ankaŭ lasi vian komenton. Ni anticipe elkore dankas Vin.

Tiu artikolo estas legebla ĉe **https://goo.gl/J5AYAH**

Plej fratamike,

*Maria Aparecida da Silva*



La estonteco estas nekonata. Hodiaŭ povus esti senespera, sed morgaŭ estas alia tago. Eble tre ĝoja, interesa kaj senproblema. Ne maltrafu ĝin. *Roger Springer*





**3ZZZ** En la elsendo de la 11a de Septembro Matt prezentas la jaran celebradon de la maoria lingvo en Novzelando.

Eksciu pli pri la historio de la Esperanto-movado, aparte rilate la blindulojn, kiuj eklernis la lingvon tuj post ĝia apero malgraŭ la malfacilaĵoj.



informas la kunvokanto *Franciska Toubale*





## Sesjariĝo de AE.

### Per AE340 finiĝos 6 Jaroj da publikigo de la novaĵletero.

Mi ŝatus montri viajn gratulojn, kuraĝigajn komentojn kaj vian klubnovaĵon por tiu grava eldono. Sendu mesaĝon antaŭ Lundo 18a de Septembro 2017.

Dankon *Roger Springer* rspring@tpg.com.au